Jaro V * N.° 52ª Aprilo * 1908

# LA SUNO HISPANA

Direktoro-Administranto ★ Director-Administrador

RAFAEL DUYOS

CIRILO AMORÓS, 28 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos.



# FRAGMENTO

## (El Roque Barcia)

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

*Don Kiĥoto* ne naskiĝis en kiu ajn vilaĝeto de Manĉujo; li naskiĝis en la tuta tero. La *Manĉuja junkro* ne estas hispana tipo; li estas tipo el la homa tutspeco, kie ajn la paŝpostsigno de la homa tutspeco aperas premita sur la tergloba supraĵo. Estas vero: foriris la kavaliro pilgrimanta sur Rocinanto; sed restis, kaj ĉiam restos la alia kavaliro, kiu pilgrimadas sur velŝipeto, sur remboato, en vaporŝipo, sur azeno, sur ĉaro, en publika veturilo, en vagonaro. Se morgaŭ la homaro veturados per aerostato, ni povos samkorekte diri: «restis la alia kavaliro, kiu pilgrimadas en aerostato». Per kia fundamento oni asertas, ke *Don Kiĥoto* ne havis realecon en la epoko de sia aŭtoro, se li ĝin havas ĉe ni ĉiumomente, ĉar ĉiumomente ni diras: «Tiu viro estas *Kiĥoto;* tiu konduto estas *kiĥoteco;* tiu maloftaĵo estas *kiĥotaĵo*»? Efektive: ĉiu sin palpu interne dum unu minuto; ĉiu esploru la turnirojn de sia domo, ĉar ĉia domo havas turnirojn, kaj diru poste, ĉu li sentas kuraĝon por certigi, ke li ne enportas unu *Kiĥoto de Manĉujo* kaj pli ol unu *Kiĥoto de Manĉujo* kaj eĉ pli, ol Manĉuja, en la interneco de sia imagado, de siaj moroj, de sia temperamento, de siaj oftmalvirtoj, de siaj esperoj, de siaj deziroj, de siaj deliroj, tiu nefinebla posteularo de nia gentradiko, tiu grandega azilo de nia ellokita deziro. Tio ĉi volas diri, ke la libro de Cervantes estis tiel reala en la jarcento en kiu ĝi publikiĝis, kiel ĝi estas en nia nuntempo, kiel ĝi estos en la lastaj horoj de la fina juĝo. Ĝi volas diri (kaj estas senutile pluesplori), ke ĉia romano havas sian *Don Kiĥoto*, kiel ĉia *Kiĥoto* havas sian romanon, kaj ke ni ĉiuj estas romanoj kaj *Kiĥotoj* en tiuj *Kiĥotoj* kaj romanoj de kavalirado, kiu ne havas finon. Ha! Multaj estus la kavaliroj irantaj rajde; kiom plimultaj ja estas la kavaliroj, kiuj piediradas! Se estus necese armi nin ĉiujn, estas tre certe, ke ĉiuj fabrikoj de la homaro, laboriganta siajn grandegajn fornojn, ne sukcesus fandi ĉiujn bezonatajn Mambrinajn kapŝirmilojn. Ne estas *Kiĥotoj*, kio mankas en ĉiuj tempoj: kio mankas al la historio, tio estas iu Cervantes por pentri malŝatmoke la multoblan, la diversan, la nefineblan *manĉujan junkron* de ĉia lando kaj de ĉia centjaro, fabela romano, senfina romano,

kiu havas unu *Don Kiĥoto* en ĉia domo, esceptante kelkajn domojn, en kiuj estas pli ol unu, kaj ni ne diras pli ol du, ĉar ni volas doni al tiu ĉi pentraĵo ĝiajn plej malfrapajn kolornuancojn. Ni tuj ĉesigu tiun ĉi demandon, eĉ tre malgraŭ nia avida deziro, ripetante ideon antaŭe esprimitan. Kaj en la celo, ke niaj legantoj ne enuiĝu, ni penos ĝin ornami per la vestaĵo de nova bildo. Ni enfermu nin por unu momento interne de la libro de nia aŭtoro, kvazaŭ ĝi estus la ensorĉita botelo de la Vilena markizo; ni observu tra ĝia magia vitro tion, kio okazas en la internaj ĉambroj de nia subtegmento kaj estas tre eble, ke ni ekkrios bonfide: kiu ne havas, kiu ne havis, kiu ne havos unu *Terezo Panza* kaj unu *Dulcineo de Toboso*? Kiu ne havas ĉevalaĉon, unu *Sanĉo,* olean felsakon, Baratarjan insulon, kastelon en la aero kaj ventan muelilon? Okazas pri Kiĥoto, kio okazas pri la libroj de iu granda sanktulino; estante la poezio kiu plej apartiĝas de la komuna vivo, ĝi estas la plej reala kaj pozitiva el ĉiuj poemoj; kiel la doktrino de Sankta Terezo de Jesuo, estante la mistikeco plej spirita, plej altcela, plej malproksima, ĝi estas la plej praktika el ĉiuj mistikaj skoloj. Kial? Ĉar kio plej similas la orientan gajon, tio estas la okcidenta malgajo; ĉar kio plej rekte influas sur la krudan teksaĵon de la materio, tio estas la nesentebla dinamiko de la spirito, kiel kio plej rekte influas sur la vivon de la arbo, tio estas la subtila nutrosuko, kiu nevideble cirkuladas tra la fadenretaĵo de ĝia teksaĵo; tiu kaŝita nutrosuko, Dia elvaporaĵo, fibro de la fibro, atomo de la atomo, koloso de la koloso. Sed oni ne komprenu, ke ni revas pri la pretendo (ni ja tre scias, ke ni estas parolante pri *Kiĥoto*) enkarcerigi en la spacojn de la kritiko la animon de *Miĥaelo de Cervantes Saavedra*, ĉar al neniu estas eble reĝi en reĝlando, kiu ne havas terlimojn. Ekzistas certaj viroj, kiuj, pli ol homaj kreitaĵoj, estas profunda teologio. Jes, viroj kiel la aŭtoro de iu libro hispane verkita, estas la teologio de la Dia Providenco; Dia Providenco, kiu neniam ĉesis elmontriĝi per ia genio. Estas tri aŭtoroj, kiuj vojirante sur malsamaj vojoj, sciis elfini la saman historian entreprenon. Jen unu viro kaptas la mondon, kaj ĝin elsavas per la doloro. Alia viro kaptas la mondon kaj elsavas ĝin per la timego. Tria viro kaptas la mondon kaj ĝin elsavas per la malŝatmoko. Unu libro prezentas la inferon de la ploro; alia—la inferon de la teruro; tria—la inferon de la rido. Ĉu vi scias, kion signifas certa aŭtoro de la XVI jarcento? Li estas mirinda kreinto, kiu per la rido sukcesis fari inferon. Unu larmo falas de la okuloj de la homaro, kaj ĝi nomiĝas La *Dia Komedio;* falas alia larmo, kaj ĝi nomiĝas *La angla teatro;* tria larmo defalas kaj ĝi titoliĝas *Don Kiĥoto*. Kiel granda estas Dante! Kiel granda estas Shakespeare! Kiel granda estas Miĥaelo de Cervantes Saavedra! Ni ne plendu pri niaj mizeroj kaj pri niaj ĉagrenoj. Dio ankaŭ havas siajn gajojn, kaj tiuj tri geniuloj estas tre gajoj de Dio.

El hispana lingvo tradukis,
VICENTE INGLADA.

---

# La legendo pri l'ludo «La Diavolo»

Pasis jam multe da tempo de kiam vivis en Japanujo, en la sankta urbo Kioto, la glora kaj grandanima Sisame', unu el la ok altrangaj princoj, al kiuj la Mikado konfidis la regadon de l' Ŝtato kaj tiun de l' soldataroj.

Iam Sisame' estis devigata forlasi sian riĉan palacon en la celo ekstermi ŝiparon de marrabistoj, kiuj, ĵusalvenintaj el Koreujo, ruinigis la sudajn insulojn. Sisame' havis kvin filojn: Mikon', Noto, Siang', kaj Koŭsi; estis ankaŭ al li du filinoj: Mion' la pli maljuna kaj Koŭsa, la pli juna.

Sciiĝinte pri sia longedaŭra forestado, li kunvenigis siajn gefilojn, el kiuj la plej maljuna ankoraŭ estis dektrijara kaj laŭjene alparolis ilin:

—Mi adiaŭas vin, karaj gefiloj; mi metas vin sub la zorgojn de Toŭ-Foŭ, sperta maljunulo, al kiu vi devas obei; vivu pace, amu unu l' alian, ne interdiskutu. Ĉe mia reveno, kiun mi trovos pli saĝa, tiu estos prezentata al Mikado, por ke tiu ĉi anstataŭigos min per li en mia ofico.

Tion dirinte, li prenis sian sunombrelon kaj foriris.

Toŭ-Foŭ ne estis scienculo, sed malsaĝa hipokritulo. Si ekis malami kaj ofendi Mikonon, kiu estis la plej bela knabo, incitis liajn gefratojn kontraŭ ĉi-tiu tiamaniere ke baldaŭ Mikono trovas sin izolita en angulo, malbone vestata, pli malbone nutrata kaj senigita je ludiloj por amuze pasigi la tempon. Tute kontraŭe, liaj gefratoj lukse vivadis kaj sub ilian disponon oni metis milon da ludiloj. Mikono nur povis sin amuzi per la kaptado de muŝoj. Li havis rezignacion; sed, foje, lacigita pro sia situacio, li stariĝis antaŭ Toŭ-Foŭ, kiu, en la ĝardeno, ĉeestadis la ludadojn de la aliaj kvin gefratoj kaj malrespektege diris al li:

—Tiu ĉi vivado tedas min!

—Bone! Amuzu vin per viaj manaj fingroj, al li respondis la nurŝajna scienculo; nur la mallertuloj enuigas sin.

La knabo sopiris kaj silentis. Proksime de li sin trovis lia frato Siango, kiu amuziĝis dancigante arĝentan tupon per silka ŝnureto.

—Pruntu al mi tiun tupon, mia kara, por min amuzi.

Siango, kiu enpenseme, gratadis sian kapon respondis, kaŝante samtempe la tupon en sian bruston kaj forkurante:

—Prenu la ŝnureton, se vi ĝin volas; vi ja aliaĵon ne meritas.

Tiam Mikono sin turnis al alia loko, kie lia frato Noto sidis pretiĝante por manĝi pladon da rizo kun mielo.

—Vi ja povas inviti min, karuleto, diris Mikono.

—Tio-ĉi estas tro bona por vi, aldonis Noto; manĝu, se eble, la vergetojn. (En Japanujo oni uzas por manĝi la rizon, anstataŭ kulero, aŭ forko, du maldikajn vergetojn aŭ lignetojn, kiujn Japanoj manuzas kun mirinda lerteco.)

Mikono prenis la vergetojn kaj denove ekiras ĉiam plej malĝaje. Tiamaniere li alvenis malgrandan herbejon, kie lia fratino Miono staris sin amuzante per suprenĵetado de bela birdoforma volano provizita kaj ornamita per diveskoloraj plumoj.

—Pruntu al mi, Miono mi petas, vian volanon,—ekkriis, korpremite, la kompatinda Mikono.

La infanineto bruege ekridis, reprenis sian volanon kaj ekforkurante forĵetis al sia frato la bovenon aŭ kvazaŭ-rullevileton per kiu ŝi suprenpuŝadis la volanon, aldirante samtempe:

—Ludu per tio, se vi volas, ĉar aliaĵon vi ne meritas.

Tre malĝoje la knabeto vagiras ĉi tien kaj tien ĝis kiam li alvenis antaŭ bambukonstruitan dometon, kiun loĝadis maljuna avino de la ĝardenisto. Vidante lin tiel malĝojan, ŝi diras al li:

—Kio okazas al vi, mia kara? Rakontu ĉion al mi.

—Tio min turmentas, ke miaj gefratoj nenion donas al mi por ludi; ili nur fordonis ĉi tion.

—Ni vidu; montru ĝin al mi. He! ŝnureton, du vergetojn kaj unu bovenon? Sufiĉas ja tio por havigi belan ludilon.

—Kiamaniere mi povas ĝin fari?

—Nun vi vidos. Donu ĉion al mi.

La maljunulino kunprenis tiujn objektojn, kunligis ĉiun ekstremaĵon de la ŝnureto al ĉiu vergeto, mantenis ilin iom apartigitajn, metis sur la mezon de la ŝnureto la bovenon kaj diris al la infaneto:

—Cu vi vidas? Movu tiele la vergetojn kaj vi vidos la bovenon turniĝi; post kiam ĝi estos multe turniĝinta, streĉu subite la ŝnureton, kaj vi rigardados la bovenon supreniri tra l' aero multe pli bone ol la volano de via fratino. Atendu ĝian falon tiamaniere ke ĝi relokiĝu sur la ŝnureton kaj poste suprenĵetu ĝin denove tra la spaco. Jen estas tia ludilo kian viaj gefratoj ne havas.

La infano malproksimiĝis murmurante kaj dirante: bone; alían mokaĵon!!!

Sed kiel li havis nenion por fari, fine diris al si men: ni provu, ĉar kion oni perdas? Kaj per ripetitaj provoj li sukcesis la plej amuzigan ludilon.

Foje, vidite de liaj gefratoj, kiuj promenis tra la ĝardeno kun Toŭ-Foŭ, li estis petata doni al ili sian ludilon.

—Ne, tute ne! ĉar vi, senkoraj gefratoj, ĉion al mi rifuzis.

Tiuokaze ili diris al falsa klerulo:

—Li ne volas doni al ni sian ludilon.

—Nu! ĉar vi estas kvin kaj li nur unu, vi ja povas perforte forpreni ĝin de li.

Ĉiuj sin alĵetas kontraŭ lin, kaj, kvankam li kuraĝe sin defendas, fine terenfalis venkita kaj Siango prenis la deziregitan ludilon.

Siango sin pretis por amuziĝi; li suprenĵetis la bovenon; sed, kiel li ne estis atinginta la taŭgan lertecon, malaperigis la bovenon, kiu falis en laŭraron de l' ĝardeno anstataŭ refali sur la ŝnureton.

El la laŭraro eliris krianta homo kun unu mano metita sur la maldekstra okulo.

—Malmulte mankis por ke vi unuokuligu min, Siango.

Ĉiuj ektremis; ĉar l' aperinta homo estis Sisame', kiu tuj aldiris:

—Mi jam revenis el mia ekspedicio; mi eniris nevidite kaj min kaŝis por vidi, kion vi estis farante. Vi estas malbonaj gefratoj kaj pri ĉio vi estas kulpa, Toŭ-Foŭ, kiu edukis ilin malkonvene; pretigu vian valizon kaj for de tie-ĉi por ĉiam, mensogemulo!!!... Kaj vi, mia malfeliĉa Mikono, tial ke vi havis rezignacion, lertecon kaj saĝecon, vi estos prezentata al la Imperiestro kaj, anstataŭante min en mia ofico, vi sidiĝos, en oportuna tempo, inter japanaj princoj.

Tiele okazis, ĉar, siatempe, Mikono enviciĝis inter la ok princoj.

Tia ludilo disvastiĝis en Japanujo, de tie alvenis Koreujon kaj Ĥinujon; poste oni trovas ĝin en eŭropaj landoj, kie perdis sian primitivan nomon, kiu nuntempe restas ankoraŭ ignorata; nun oni nomas ĝin «La Diavolo», kaj estas ankoraŭ nesciita la kialo de tia nomigado.

El *La Tribuna*, tradukis.

J. G. Martín.

---

# Bicikleda karavano en Germanujon

S.ro Henri de Coppet, komitatano de l' grupo Pariza kaj ankaŭ fondinto de la «Franca Turing Klubo» elpensis tre allogan projekton:

Li proponas al ciklamantoj-samideanoj, kiuj intencas ĉeesti la venontan kongreson, biciklede travojaĝi la sudan parton de Germanujo, forirante de Stuttgart.

Per tiu ekvojiro, povus esti vizitataj: Nuremberg, unu el la plej rimarkindaj urboj de Germanujo; Bayreuth, urbo famigita de la teatro de Wagner, kaj Karlsbad, konata banstacio lokita en ĉarma situacio en la belega valo de la Tepl. Fine, oni atingus Dresdenon tra la Saksa Svisujo, kiu tre certe lasus neforgeseblan impreson sur la spiritoj de la partoprenantoj.

Pri la bicikledoj, la du multigadoj konsilindaj por fari *agrable* tiun vojaĝon estas

2 Met 50 por la malgranda kaj 5 Met, por la granda, ĉar la vojiro enhavas en kelkaj partoj iom penigajn deklivojn.

Tiuj, kiuj posedas maŝinojn provizitajn nur je unu multigado devos elekti 4 Met 40 maksimume!

Tia vojaĝo, kiu daŭrus 6-7 tagojn po 80-100 kilometroj ĉiutage, estus interesplena je triobla vidpunkto:

1.e Ĝi liverus bonegan kaj nekompareblan rimedon por pli intime kaj profite ekkoni tiun-ĉi landon.

2.e Ĝi fariĝus ĉarma okazo de interkonatiĝo kaj fratiĝo por esperantistoj kiuj ne povas uzi la esperantujon «Weisser Hirsch».

3.e Precipe ĝi helpus laŭ plej forta kaj praktika maniero al la propagando farata aŭ farota de la grupoj aŭ izolitaj samideanoj en ĉiu trairota urbo.

Se tia projekto povus efektiviĝi, ĝi kredeble estus unu el la plej fruktodonaj flankaj okazintaĵoj de la Kvara Kongreso.

Tial, turistoj-samideanoj, aliĝu al la ideo!!

Sendu kiel eble plej rapide vian aliĝon al S.ro Henri de Coppet.—179 Boulevard Pereire.—Paris (France).

(El *La Revuo.*)

# SECCIÓN GRAMATICAL

**C. E.**—Puede V. traducir *deán* por *kanonikestro* ó *ĉefkanoniko*, que, á mi entender, definen bien el cargo.

Para la pronunciación de la *v* desqués de *k* siga V. la regla que expuse en el número de Enero; de no pronunciarla siempre lo mismo, el idioma no sería fonético. Dice V. que en una gramática de Esperanto leyó que la *v* se pronuncia como *u* en aquellas sílabas directas á las que siga vocal, como en *trankvila*; no sé á qué gramática se refiere V., en la que, sin duda, por lamentable descuido se deslizó esa equivocación, pero cónstele á V., así como «á todos los que la presente vieren y entendieren» que la *v* siempre es *v*. Y con ésto, y con lo que dije en Enero tiene V. bastante. Estoy á su disposición para cuanto desee.

**F. A.**—Lea V. lo que digo á **C. E.** en este mismo número sobre la *v*. Respecto á la *r* el asunto no tiene tanta importancia, pues fuerte ó suave no hay más que *r* sencilla en Esperanto y con ninguna otra letra puede confundirse; en el otro caso sí, pues era confundir la *v* con la *u*. La *r* es suave aún cuando esté entre dos vocales. De todos modos, vea el número de Enero en que también hablé sobre esto.

**A. P.**—El artículo en Esperanto sólo sirve para *determinar* el substantivo, ó para *indicar la totalidad de individuos* del mismo género ó especie. Entre *ni voku la kuraciston* y *ni voku kuraciston* hay la diferencia que en la primera frase me refiero á un médico conocido, al que de costumbre nos asiste en nuestras enfermedades; y en la segunda me refiero á uno cualquiera. Este, pues, es el caso en que el artículo *la* determina á un substantivo.

Al traducir *el español es noble*, si quiero indicar que la nobleza es inherente á *todos los españoles*, diré: *la hispano estas nobla*; éste es el caso en que *la* sirve para indicar la totalidad de individuos del mismo género ó especie.

Con los nombres propios no se usa artículo, pues por sí mismos están ya determinados. Pero si se toman en sentido especial, ó se califican ó determinan de algún modo, van con artículo. Así se dice, por ejemplo, *Ameriko estas progresema*, y en

cambio, *en la suda Ameriko estas vastegaj arbaroj*. Estas son, en resumen, las reglas que V. solicita, que puede V. ver con mayor extensión en el *Manual y Ejercicios* de los Sres. Inglada y Villanueva.

HISPANO.

# Dua konkurseto

Laŭ ni promesis en la Januara numero ni publikigas la solvojn de la problemoj kaj nomojn de la premiitoj.

Solvo de la 1.ª: *Li ne estas surda.*
Solvo de la 2.ª: *Ero, T-ero, E-t-ero, V-e-t-ero.*
Solvo de la 3.ª: *Per tio, ke dum nokto ili ambaŭ estas grizaj.*

Divenis la tri problemojn ses abonantoj, kvankam ni ricevis multegon da respondoj. Ricevos la premiojn, laŭ montris la sorto: Sino. Berlaine, D.ro Gratz kaj S.ro Garcia Robles. Ili bonvolu sciigi al ni, kiun premion, el la proponitaj, deziras ricevi.
Jen la problemoj solvotaj por nia dua konkurseto:

### 1.ª (Matematika problemo)

—Diru al mi, Petro, kiomaĝa vi estas?
—Mi havas la duoblon de la jaroj, kiujn vi havis, kiam mi havis vian nunan aĝon.
—Tio ne sufiĉas, por ke mi...
—Sed sufiĉos al vi scii, ke la venontan jaron, adiciante niajn aĝojn ni ricevos ĝuste unu jarcenton.
(*Kiomaĝa estas Petro?*)

### 2.ª (Konsila frazo)

| | | |
|---|---|---|
| M | H | |
| H M ! | la N | ĈIO. |
| M | R | |

### 3.ª (Kunmetajo)

Per profesia radiko du participaj finaĵoj kunmetu respektindaĵon.

---

La tri divenintoj montritaj de la sorto elektos unu el la jenaj premioj: *La Jeso de Knabinoj* de Moratin, tradukita de S.ro Maclean; *Edziĝo malaranĝita* de S.ro V. Inglada; *kravatpinglo esperantista*; dek ĉefeĉaj hispanaj slosiloj.

* * *

# Literaturo, scienca kaj arta konkurso

Okaze la centjara datreveno de la gloraj sieĝoj de la heroa urbo Zaragoza, oni tie pretigas grandajn festojn kaj ekspozicion, kiujn partoprenos francoj kaj hispanoj. Honorante la bravulojn, kiuj tiel kuraĝe defendis la Patrujon, ni forgesos pasintan malamon, kaj la hieraŭaj malamikoj pace kaj frate unuiĝos morgaŭ laborante por la progreso.

La Provinca Komisiistaro de Ruĝa-Kruco en Zaragoza profitas la okazon por malfermi konkurson, kiun povas partopreni tutsame hispanoj kaj fremduloj. La XX.ª temo de tiu konkurso estas: *Utileco alportota al la kruc-ruĝuloj de internacia idiomo, kiel Esperanto*, k. c.

Por tiu temo, la Hispana Societo por por progagandi Esperanton definis, kiel premion, *diplomon de honora membro kaj kolekton da esperantistaj verkaj.*

Oni sendu en rekomendita pakaĵo la manuskriptojn, antaŭ la 31.ª de Majo, kun la jena adreso:

# Certamen literario, científico y artístico

Con motivo del centenario de los gloriosos sitios de la heroica ciudad de Zaragoza, se preparan allí grandes fiestas y una Exposición, en la que tomarán parte franceses y españoles. Honrando á los bravos que tan valerosamente defendieron la Patria, olvidaremos pasados odios, y los enemigos de ayer se unirán mañana pacífica y fraternalmente trabajando por el progreso.

La Comisión Provincial de la Cruz Roja de Zaragoza aprovecha esta ocasión para abrir un concurso en el que igualmente pueden tomar parte españoles y extranjeros. El tema XX de este concurso dice: *Utilidad de adoptar un idioma universal entre los individuos de la Cruz Roja, como el Esperanto*, etc.

Para este tema, la Sociedad Española para propaganda del Esperanto ha señalado como premio un *diploma de socio honorario y una colección de obras esperantistas.*

Envíense, en paquete certificado, los manuscritos antes del 31 de Mayo con la siguiente dirección:

Sr. Presidente de la Comisión Provincial de la Cruz Roja de Zaragoza.

Paseo del Ebro, 65, Sanatorio.

Zaragoza (España).

La manuskriptoj ne estos subskribitaj, sed ĝian titolon oni skribos sur alia koverto, kiu enhavos la nomon, adreson kaj profesion de la verkinto. Oni nur povas skribi france kaj hispane.

Ni publikigos la nomon de la premiito, tuj kiam oni sciigos nin pri tio.

Los manuscritos no estarán firmados, pero se escribirá su título en otro sobre, que contendrá el nombre, domicilio y profesión del autor. Solamente puede escribirse en francés y español.

Publicaremos el nombre del agraciado en cuanto se nos comunique.

★ ★ ★

# Noticias del extranjero

**Alemania.**—La *Kvaro*, en su deseo de que el 4.° Kongreso de Esperanto supere á los anteriores, organiza un acto de gran resonancia que ha de complacer muchísimo á los futuros congresistas y que ha de ser una prueba definitiva de la vitalidad del Esperanto. Sabido es, que en las representaciones teatrales hasta ahora organizadas con tanto éxito, sólo han intervenido como aficionados algunos esperantistas; hoy ya no se trata de ésto. La *Kvaro* se propuso presentar una obra de Goethe con actores profesionales y ha conseguido que la compañía que dirige el eminente primer actor Emanuel Reicher, del teatro Lessing de Berlín, aceptara su desempeño. Actualmente el Dr. Zamenhof traduce la obra que ha de ponerse en escena, propuesta por el mismo Reicher que aparecerá con el título: *Ifigenio en Taŭrido*. Creemos que en mejores condiciones no puede realizarse tan trascendental acto: una obra de Goethe, traducida por el Doctor y representada por una compañía excelente. Si el éxito corona los esfuerzos de nuestros compañeros, el Sr. Reicher se propone dar una tournée y representar la obra en varias ciudades. Claro es, que esta empresa es costosa, costosísima; pero creemos que no habrá congresista que deje de asistir á esta notable representación. Envíense adhesiones y dinero (billete para la función 20 marcos) al Sr. Jules Borel, Prinzeustrasse, 95, Berlín, S. 42.

La importante fábrica de máquinas de escribir Seidel y Naumann de Dresden, ha editado un hermoso catálogo de sus productos en Esperanto, que se envía gratis á cuantos lo soliciten.

**Bohemia.**—Con el nombre de «Bohema Unio Esperantista» se han asociado todos los grupos con el fin de unificar los trabajos de propaganda organizando excursiones, conferencias, exposiciones, etc.

**Francia.**—En la fiesta organizada por la sociedad Paco-Libereco, el Sr. Chavet leyó un notable trabajo sobre nuestro idioma.—En el Círculo Militar de Lyon, previo el correspondiente permiso del General Gallieni, dió una conferencia el Sr. Croiset-Deronziére.—En París se han abierto cursos especiales para rusos y para catalanes.—En Bethune se organizó el 2 de Febrero una hermosa fiesta esperantista con asistencia del Ayuntamiento: hubo banquete, representación teatral y baile.—El Grupo de Amiens organiza una fiesta semejante para el 26 de Abril.—El diario *Le Petit Parisien* ha publicado un largo artículo sobre el proyecto de fundación de un Estado Esperantista en Moresnet (Véase la Bibliografio).—En Rouen la nueva revista *Le Phare Stenographique*, inserta una sección esperantista.

**Inglaterra.**—En Kennington se ha fundado un nuevo grupo esperantista «Crescent Society» de musulmanes, con el fin de relacionar á los de todo el mundo por medio de nuestro idioma.—Nuevos grupos en Putney, Bermondsey y Brixton.—Edinburg se prepara con entusiasmo para la reunión anual de la «British Esperanto Asociation».

**De todas partes.**—El incansable propagandista Sr. Ĉefeĉ escribe desde Funchal (Madeira) que, con la ayuda del abate Ernesto Schmitz, profesor del seminario y ex-acompañante del príncipe de Mónaco en sus estudios oceanográficos, ha empezado un curso en Funchal con 36 alumnos, entre los que cuenta al canónigo Antonio de Jouvea, miembro del Parlamento portugués.—La Sociedad Esperantista de Varsovia tiene actualmente 196 socios.—En Kazan (Rusia) se fundó el 13 de Febrero una sociedad para propaganda del Esperanto.—En la segunda reunión general celebrada por la Asociación Esperantista Japonesa en Tokio, el presidente Dr. Takakusu pro-

puso se pidiera al la «Kvara Kongreso» que el congreso esperantista del año 1912 se verifique en el Japón, coincidiendo con la Gran Exposición Internacional que para aquella fecha se está organizando.—En Viena se ha fundado oficialmente una Sociedad Académica Esperantista.

# Sciigoj

## EL HISPANUJO

La ĉiusemajna gazeto «Panadés Nou», aperanta en Villafranca del Panadés, enhavas specialan fakon redaktatan en Esperanta lingvo.

Ankaŭ «Alma Joven», de Carcagente, komencis publikigi gramatikajn artikolojn pri nia lingvo.

La Direktanta Komitato de la Igualada Grupo por la nuna jaro estas la jena:

## DE ESPAÑA

El semanario «Panadés Nou», que aparece en Villafranca del Panadés, inserta una sección especial redactada en Esperanto.

También «Alma Joven», de Carcagente, ha empezado á publicar artículos gramaticales sobre nuestra lengua.

La Junta Directiva del Grupo de Igualada para el presente año es la siguiente:

Presidente: D. Manuel Nadal.—Secretario: D. Jaime Gomis.—Tesorero: D. José Ráfegas.—Contador: D. José Cuadras.—Bibliotecario: D. Juan Caballé.—Vocales: don Justino Vilaró, D. J. Biosca, D. Antonio Martí, D. Ramón Gabarró, D. Luis Ferrer, D. Raimundo Torroja, D. Jaime Borrás, D.ª Emilia Serra y D.ª Teresa Vidal.—Cónsul: D. Francisco de P. Bedós.

Dank' al klopodoj de nia eminenta samideano Pastro Antonio Guinart fondiĝis en Utiel malgranda Grupo Esperantista kun dudek anoj kaj oni konfidas pligrandigi tiun nombron, ĉar al la du kursoj malfermitaj de nia respektinda amiko ĉeestas multe da lernantoj kaj lernantinoj.

En Venta del Moro oni fondis grupon kun la jena Komitato:

Gracias á los trabajos de nuestro eminente correligionario P. Antonio Guinart se ha fundado en Utiel un pequeño Grupo Esperantista con veinte socios, y se confía en aumentar dicho número, puesto que á los dos cursos abiertos por nuestro respetable amigo asisten muchos alumnos y alumnas.

En Venta del Moro se ha fundado un grupo con la siguiente Junta:

Presidente: D. Luis Pardo.—Vicepresidente: D. Francisco Taléns.—Secretario: D. Victorio Montes.—Vocales: D. Julio Pérez, D. Mariano Castillo, D. José Játiva, don Andrés Cabanés y D. Emilio Olmo.

La Cartagena ĉiusemajna revuo «Sin Falsilla» publikigis interesplenan artikolon pri Esperanto kaj en «El Eco» de la sama urbo aperis alia tre alloga pri la sama temo.

La Mahona Grupo reelektis sian Direktan Komitaton por tiu ĉi jaro, kaj nomis konsulo nian karegan amikon Pastron José Juaneda.

La revista semanal de Cartagena «Sin Falsilla» ha publicado un interesante artículo sobre Esperanto, y en «El Eco» de la misma ciudad ha aparecido otro muy atrayente sobre igual tema.

El Grupo de Mahón ha reelegido su Junta Directiva para el presente año, y ha nombrado cónsul á nuestro querido amigo el P. José Juaneda.

## AVISO

Cuando la Junta Directiva de Hispana Societo p. p. Esperanto se disponía á elegir la ciudad española que había de proponerse para que en ella se celebrara el 5.° Congreso Universal de Esperanto, el señor presidente recibió una carta del Sr. Moch, secretario de la Junta organizadora de los Congresos, en la que muy atentamente se exponían las inmensas ventajas que á la propaganda mundial del Esperanto reportaría la celebración de dicho Congreso en Suecia, para lo que se contaba con el beneplácito y decidido apoyo del príncipe heredero. El Sr. Moch pedía parecer á nuestra Sociedad, cosa tanto más de agradecer cuanto que ninguna petición oficial se había aún formulado y no existía compromiso alguno por parte de la citada Junta Organizadora. Oído el parecer de los presidentes de los grupos que se habían ofrecido á organizar el Congreso en España, la Junta Directiva de Hispana Societo acordó por unanimidad acceder á la proposición del Sr. Moch, y que se hiciera constar en la contestación á dicho señor que los trabajos preparativos ya efectuados y la concesión del retraso se tuvieran en cuenta para el siguiente año.

Queda, pues, retrasado por un año el Congreso en España; tenemos un año más de tiempo y es preciso utilizarlo en activa propaganda y en estudio, es preciso que nuestros grupos, á semejanza de los del extranjero, den continuas muestras de su vitalidad y entusiasmo.

* * *

La Junta Directiva de Hispana Societo acordó en su última sesión hacer un llamamiento á todos los esperantistas españoles para que contribuyan con la pequeña cuota anual que sus socios abonan á aumentar los fondos, no muy crecidos, de la misma. Se ruega á los presidentes de los Grupos, como vicepresidentes que son de Hispana Societo, den la mayor publicidad posible en sus localidades á este llamamiento.

# Bibliografio

*Lernolibro de la natura stenografio Gabelsberger alfarita al Esperanto* de J. Christoffel.—Heckners Verlag, Wolfenbüttel (Germanujo).

Por la stenografistoj jen estas libro tre interesa; ni ne povas difini la praktikecon kaj facilecon de la metodo en ĝi pritraktita, sed nia opinio ne estas necesa ĉar certe la stenografamantoj aŭdis paroli pri ĝi. La verko estas klare kaj elegante presita.

*Skotlanda Pejzaĝo* de Higgie kaj K.°—Rotseo, Skotlando.—Prezo: 6 pencoj.

Tiu ĉi broŝuro estas la ilustrita aldono al «Belega Skotlando» kaj prezentas multe da vidaĵoj karakterizaj de tiu ĉarma lando bele presitaj laŭ fotografaĵoj.

*Verba amuzaĵo* verkita de Esperantisto n.° 10.072; dua eldono zorge korektita kaj pligrandigita. Aĉetebla en tiu ĉi redakcio; prezo 10 centimoj.

La plej bona laŭdo al tiu verketo estas anonci la aperon de la dua eldono, post rapida elvendiĝo de la unua. La modesta aŭtoro, al kiu tiom ŝuldas nia gazeto, sukcesis montri per agrabla paroladeto ĉiujn formojn de la esperanta verbo.

*Estonta Milito laŭ la instruoj de Johano de Bloch*, de Frédéric Passy, Berta de

Suttner, P. Nattan Larrier, Alesiano kaj Gaston Moch; kun permeso de la aŭtoroj tradukis Fino. Cécile Royer, Fritz Schuck kaj Alesiano.—Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépéde, Paris.—Prezo: 1'50 frankoj.

Tiu ĉi verko estas la n.° 7.ª el la *Libraro Pacifisma* eldonata de la societo «Pacifisto».

*La aerkuracloko Weisser Hirsch (Blanka Cervo) apud Dresden* (Saksolando, Germanujo), Esperanta Vilaĝo por 1908.

Por ricevi tiun interesan gvidlibreton de la esperantista vilaĝo por la venonta kongreso oni sendu internacian respondkuponon al S.ro H. Arnhold, Waisenhausstrasse, 20, Dresden.—Altstadt (Germanujo).

*Doce lecciones de Esperanto*; tiu ĉi verko, kies aperon ni anoncis en nia Februara numero, estas aĉetebla ĉe la Grupo Esperantista de Montevideo po unu sterlingo la cento, transporto plie. La hispanaj grupoj povas profiti la okazon por fari ŝatindan profiton.

*La Esperantista klubo de San Sebastián* eldonis elegantan broŝureto-cirkuleron pri la fondo de «esperanta agentejo». Bele presita, ĝi prezentas vidindaĵojn de tiu ĉarma urbo. Ni dankas pro la ricevitaj ekzempleroj.

*El Esperanto, lengua internacional*; conferencia dada en el Casino Liberal de Cádiz la noche del 27 de Enero de 1908, por el Ldo. D. José Garzón y Ruiz.

En nuestro número anterior hablamos ya de esta notable conferencia que ha sido elegantemente impresa para favorecer la propaganda.

*Du Slavaj Rakontoj*.—Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépéde, Paris.—Prezo: 60 centimoj.

Tiu ĉi libro el la «Kolekto de Lingvo Internacia» enhavas *La rakonto de Filip Vasiliĉ* de M. Gorkij tradukita de Victor Dufentrel kaj *Ĉu li venas* de J. Vazov, esperantigita de Kr. S-ev.

*La Sendependa Ordeno de la Bontemplanoj* (Sociala solvo de la alkoholisma problemo) de D.ro Legrain, tradukita de Prof. M. Gautrot.—Presa Esperantista Societo.—Prezo: 40 centimoj.

Tiu ĉi broŝuro estas eldonita de la Pariza Grupo de la Esperantistaj Bontemplanoj.

*La Esperanta Universala Biblioteko*, kies redaktoro estas S.ro Marich, publikigis tri novajn libretojn nome, *La Jukagiroj* etnografia skizo, *Ĉerkesaj Rakontoj* kaj *Persaj Skizoj*, la tri de la sama aŭtoro S.ro Georgo Davidov. Por ricevi tiun interesan libraron oni sin turnu al S.ro Redaktoro de la Biblioteko (Budapest, IX., Ulloiot, 59, Hungarujo); ĉiu libreto kostas 30 helerojn.

S.ro Ĉefeĉ eldonis la konatajn *Ŝlosilon* kaj *Tuton* en bohema lingvo. Por mendoj oni sin turnu al *Internacia Propagandejo Esperantista*, *Merton Abbey*, *London*, S. W.

Ankaŭ la dirita senlaca propagandisto decidis eldoni *Tutmondan Anekdotaron*, kies kajero unua jam aperis tute verkita de anglaj samideanoj. Por la venontaj kajeroj niaj samideanoj devas sendi al la adreso supre montrita ridigajn anekdotojn. La prezo de ĉiu kajero estas dek spesdekoj.

*Projet réalisable en six mois d' un État Espérantiste Indépendant* par Gustave Roy.—Librairie de l' Espéranto, 15, rue Montmartre, Paris.—Prezo: 0'50 frankoj.

Tiu ĉi broŝuro france verkita celas pruvi, ke facile oni povus fari el Moresnet-neutre sendependan esperantistan laudon.

*L' Espero, stenografia sistemo tute finita, speciale verkita por la Lingvo Internacia Esperanto* de Ch. Barit, stenografiisto.—Eldonisto: L. F. Canet, 18, Oberkampf, Paris (XI).—Prezo: 1'50 frankoj afrankite.

Tiu stenografia sistemo, frukto de du jaroj da laborado, estas tute malsana de tiuj aperintaj ĝis hodiaŭ. *L' Espero* estas absolute neŭtra kaj speciale verkita por la lingvo de Zamenhof.

*Album recuerdo* de la Sociedad Central Esperantista Mexicana, en la fiesta organizada para celebrar el primer aniversario de su fundación.

Contiene un hermoso discurso del Sr. Manterola y poesías originales ó traducidas de nuestros *samideanos* R. Limones, L. G. Palacios y Miles.

*Por Arbitracio* de Andrew Carnegie kun antaŭparolo de D' Estournelles de Constant; el angla kaj franca lingvoj kun permeso de la aŭtoroj tradukis W. W. Padfield kaj H. Maresquelle.—Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacepede, Paris.—Prezo: 0'50 frankoj.

La societo «Pacifisto» daŭrigante sian propagandon eldonis tiun interesan verkon, kiu estas la numero oka el ĝia *Libraro.*

*Dictionnaire Français-Esperanto et Esperanto-Français* (*radikaro*).—Antaŭparolo de Th. Cart.—Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépéde, Paris.—Prezo: 5 frankoj.

Jen utilega verko; ĝi estas malgrandigita eldono de la «Franca Vortarego» kaj enhavas pli ol 30.000 francaj vortoj kun iliaj respondaj tradukoj. Samtempe ni anoncas la aperon de la sepa kajero de la «Vortarego».

*Compendio de Grammatica Esperanto* corredato da copiosi esempi di traduzione e di lettura, de Paolo Lusana, ĉe Raffaelo Giusti, librovendisto, Livorno (Toscana) Italujo.—Prezo: 1'50 frankoj.

Plena lernolibro, kiu multe helpos al disvastigado de nia lingvo en Italujo.

*Ranratbatalo*, herokomika verko de posthomera poeto, esperanten tradukita de E. Deligny.—Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépéde, Paris.—Prezo: 0'40 frankoj.

Amuza rakonto pri batalo de ranoj kontraŭ ratoj.

*L' Esperanto par la fable,* kolekto da dekdu poŝtkartoj ilustritaj, kun tekstoesperanto kaj gramatikaj rimarkoj por faciligi la tradukon. Gi estas aĉetebla ĉe la Presa Esperantista Societo.—Prezo de la kolekto (12 poŝtkartoj): 1'10 franko afrankite.

*Nouveaux Sistémes Trigonometriques* par A. Dombrovski, traduit de l' Esperanto par E. Lefévre, professeur á l' Ecole militaire de Belgique.—Aĉetebla ĉe la tradukinto (rue d' Oultremont, 56, Bruxelles).—Prezo: 2 frankoj.

La scienca verko de S.ro Dombrovski, originale verkita en nia helpa lingvo, ĵus aperis en franca vesto dank' al nia samideano Lefévre. Tiu traduko bone taŭgas por la propagando ĉe la sciencistoj kaj estas vendata por helpi al la eldonado de propagandaj verkoj.

*Esperantista Dokumentaro.* Kajero sesa (Januaro 1908).—Tria Universala Kongreso de Esperanto (Cambridge, 12.an-17.an de Aŭgusto 1907).—Esperantista Centra Oficejo, rue de Clichy, 51, Paris.—Prezo: 1'50 frankoj.

En tiu kajero, la Centra Oficejo prezentas plenan raporton pri la fama tria Kongreso Esperantista, kun la jena enhavo: *Preparo de la Kongreso, Oficiala protokola-*

*ro, Aldonoj al la protokolaro, Nomaro de la kongresanoj, kunvenoj de specialistoj* kaj *Diversaj akceptoj, festoj kaj ekskursoj.* Ni varme rekomendas ĝin al niaj amikoj.

*La Presse et les Congrés Universels d' Esperanto,* kolekto da ĵurnalaj artikoloj publikigitaj en diversaj landoj okaze niaj sukcesplenaj Kongresoj.—Ĉe Centra Oficejo.—Prezo: 1'25 frankoj.

Per tiu kolekto, Centra Oficejo liveras al ni utilan armilon por la propagando. La plej seriozaj kaj ŝatataj ĵurnaloj francaj kaj anglaj parolis favore al nia afero okaze la sukcesoj de niaj Kongresoj kaj jen utila dokumentaro por konvinki kaj silentigi la skeptikulojn.

*Arboles y montes.*—Conferencia leída en el Círculo Católico de Obreros de Murcia en la noche del 26 de Enero de 1908, por R. Codorníu, ingeniero de montes.

Arboles y Esperanto, como dice muy bien el conferenciante, son su constante preocupación: la repoblación de nuestros montes y la propaganda del idioma auxiliar han encontrado en el Sr. Codorníu un bravo é insustituible campeón. Nosotros nunca sabremos recompensar como se merecen los excelentes servicios y valiosa ayuda de tan distinguido *samideano*, ni las atenciones que nos dedica.

Por la muzikamantoj:

Sendinte ilustritan poŝtkarton al S.ro Josef Jerabek, instruisto, Praskaĉka (Bohemujo-Austria) vi ricevos ekzempleron el «*La Espero*» laŭ la muziko de F. de Menil.

*The Esperanto March* (La Esperanta Marŝo) de Cedric H. Acaster, belega kaj originala muzikpeco, kiun oni povas ricevi sendante al aŭtoro (Connaught Avenue, 31, Plymouth, England) 18 pencoj.

*En Songô* (el Heine), poezio tradukita de L. Zamenhof, muziko de Josée Guivy; dediĉita al S.ino Félix Robert.—Prezo: 1'60 frankoj.—Aĉetebla ĉe la Presa Esperantista Societo.

*La Du Muloj* (el La Fontaine), fablo tradukita de Vaillant, muziko de Josée Guivy; dediĉita al fraŭlino Alice Lardin de Musset.—Prezo: 1'60 frankoj.—Aĉetebla ĉe la Presa Esperantista Societo.

*Nacia Meksika Himno,* muziko de Jaime Nunó, vortoj de Francisco Gonzalez Bocanegra, esperantigitaj de Ramón Limones.—Aĉetebla ĉe la Librería Internacional, 1.a de la Aduana Vieja, n.o 4. México.

* * *

# La ombro

(MIRRAKONTO DE ANDERSEN)

El «Dua libro de l' lingvo internacia.»

(*Daŭrigo.*)

«Kaj kion vi tie vidis, mia kara?» demandis la instruitulo.

«Mi vidis ĉion, kaj mi ĝin rakontos al vi; sed... ĝi ne estas fiereco de mia flanko, tamen... kiel homo libera, kaj ĉe mia instruiteco, ne parolante jam pri mia bona situacio kaj riĉeco... mi kore dezirus, ke vi parolu al mi ne «mia kara», sed «sinjoro»!

«Pardonu, sinjoro!—diris la instruitulo,—ĝi estas ne detruebla malnova kutimo! Vi estas tute prava, kaj de nun mi jam memoros. Sed rakontu al mi, sinjoro, ĉion, kion vi vidis!»

«Ĉion!—diris la ombro,—ĉar mi ĉion vidis kaj ĉion scias!»

«Kian vidaĵon havis la ĉambroj internaj?—Demandis la instruitulo.—Ĉu tie estis kiel en la freŝa arbaro? ĉu tie estis kiel en sankta preĝejo? ĉu la ĉambroj estis kiel stela ĉielo, kiam oni staras sur altaj montoj?»

«Ĉio tie estis!—diris la ombro.—Mi ja ne tute eniris, mi restis en la antaŭa ĉambro, en la duonlumo, sed tiu loko estis tre bona, mi ĉion vidis, mi ĉion scias. Mi estis en la palaco de l' poezio, en la antaŭĉambro.»

«Sed kion vi vidis? Ĉu tra la grandaj ĉambroj iris ĉiuj la dioj de l' malnova tempo? ĉu tie batalis la malnovaj faristoj? ĉu tie ludis ĝojaj infanoj kaj rakontis iliajn sonĝojn?»

L. L. ZAMENHOF.

(*Daŭrigota.*)

# La sombra

(CUENTO MARAVILLOSO DE ANDERSEN)

Del 2.º libro de la lengua internacional.

(*Continuación.*)

«¿Y qué es lo que allí viste, querida? —preguntó el sabio.

«Todo lo ví y todo os lo contaré; pero... no es orgullo por mi parte; sin embargo... como hombre libre, y dada mi instrucción, no hablando ya de mi buena posición y riqueza..., yo de veras desearía que vos no me dijeseis «querida», sino «señor».

«Perdonad, señor—dijo el sabio.—¡Es esta una indeleble costumbre antigua! Tenéis mucha razón, y desde ahora lo tendré presente. Pero contadme, señor, todo lo que visteis.»

«Todo—dijo la sombra,—pues todo lo ví y todo lo sé.»

«¿Qué aspecto tenían las habitaciones interiores?—preguntó el sabio,—¿Se estaba allí como en la fresca arboleda? ¿Se estaba allí como en un templo santo? ¿Las habitaciones eran como estrellado cielo cuando se está sobre los montes altos?»

«¡Todo estaba allí!—dijo la sombra.—Yo, en verdad, no entré del todo; me quedé en la habitación anterior, en la media luz, pero este sitio era muy bueno; lo ví todo; todo lo sé. Estaba en el palacio de la poesía, en la antecámara.»

«Pero ¿qué visteis? ¿Andaban acaso por las grandes salas todos los dioses de la antigüedad? ¿Luchaban allí los antiguos héroes? ¿Jugaban allí, por ventura, alegres niños y contaban sus sueños?»

L. L. ZAMENHOF.

(*Se continuará.*)

Tipografía Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11—Valencia.

# ANONCOJ

*S.ro Carlos Charrier* (calle de Zabala, 77, Montevideo—Uruguay) deziras interŝanĝi poŝtkartojn kun tutmondaj gesamideanoj.

---

Enviando al Dr. Schram (Standehaus, *Dresden*, Alemania) un «Coupon Réponse International» (que puede adquirirse en todos los estancos de España), se recibe á vuelta de correo un hermoso libro descriptivo de Weisser Hirchs (*la esperantista vilaĝo* del próximo Congreso).

---

Se han publicado ya los tomos I y II de la interesante y completa *Enciclopedia Universal Ilustrada*, que publica la casa Espasa é hijos, de Barcelona (Cortes, 479), con traducción esperanta de la mayoría de las voces. Dadas las facilidades de pago, pues se admiten suscripciones á plazos desde ocho pesetas mensuales, creemos que aun ha de aumentar considerablemente el número, hoy ya crecido, de sus suscriptores.

---

El Grupo Esperantista de San Sebastián ha editado unos bonitos sellos de propaganda, de mucha utilidad, que pueden adquirirse al precio de 5 pesetas millar. Los pedidos diríjanse al expresado Grupo.

---

Deziras korespondi per ilustritaj poŝtkartoj la jenaj lernantoj de Esperanto en *Basel* (Svisujo).

Fraŭlino L Blaner, Mittlerestrasse, 76.
S.ro A. Huber, Mittlerestrase, 76.
S.ro A. Kagi, S.t Johanvorstadt, 34.
S.ro S. Lenenberg, Baumgartenweg, 17.
S.ro E. Nat, Schneidergasse, 1.
S.ro C. Waibel, Lanfenstrasse, 25.
S.ro W. Zellweger, Sennheimerstrasse, 51.
S.ro R. Ackermann, Dornacherstrasse, 239.
S.ino L. Tissot, Wartenbergstrasse, 9.

---

Sub la direktado de nia amiko S.ro Emanuelo Esteban, Prezidanto de l' Centro Esperantista de Burgos, estas publikigita la hispana verketo Ĉefeĉa.

# TODO EL ESPERANTO

(HISPANA TUTO)

Kiu estos sendita afrankite po 7 pesetoj la cento. Petu ĝin al la dirita sinjoro.

## EN 3 MINUTOJ VI POVAS GAJNI 50 FRANKOJN

PARTOPRENANTE LA LUDON DE LA LIMERIKO

LA SUNO HISPANA
APRILO
*Detranĉu tiun kuponon kaj sendu ĝin kun via respondo.*

Tiu ludo certe interesos ĉiujn Esperantistojn, ĉar ili povos ricevi monan premion da 50 frankoj, kiel rekompenco de triminuta pripensado.

KONDIĈOJ DE LA LIMERIKO

1. Aldoni al la jenaj kvar versoj unu verson, kiu rimos kun la unua kaj havos la saman nombron da silaboj.

*«Anjo», diris Henrik' al sia belulin'*
*«Mi amos vin ĉiam, ho! kara amatin!»*
*Sed rigardante lin, ŝi dolĉe murmuris*
*Kun voĉo trankvila, kiu lin teruris:*
. . . . . . . . . . . . . . . .

2. Sendi, kun tiu verso: *a*) sian nomon kaj plenan adreson; *b*) mandaton aŭ poŝtmarkojn po fr. 1'25 (1 ŝilingo, 1 marko, 50 spesdekoj); *c*) la kuponon kiu estas en la angulo de tiu ĉi teksto al

LA LIMERIKO, *librairie de l' Esperanto*, 15, rue Montmartre, Paris.

3. Oni devos sendi la verson antaŭ la fino de Aprilo. (Se du versoj estas egale bonaj, la unue alveninta ricevos la premion).
4. La juĝistoj estos S.roj Gabriel Chavet kaj Pujula-Valjes.
5. La plej bona verso ricevos monan premion da fr. 50 (40 ŝilingoj, 40 markoj, 20 spesmiloj).
6. La nomo de la gajninto estos publikigata ĉiumonate en tiu ĉi ĵurnalo.